


# Post la Morto

Leon Denis

Tezo pruvanta ke la vivo post la morto ĉiam estis kuranta penso en la historio de la homaro, nun en Esperanto per la brila traduko de A. Borges Gallego Soares.

Eldonejo: Lorenz

Eldonjaro: 2016

ISBN: 9788586984792

Formato: 24 cm, 307 paĝoj

Prezo: R$ 22,00

KOVRILO

*Fonto: http://pngimg.com*


**LA LAMPIRO** *58-a jaro n-ro 143 2017:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
**Reviziantо**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*


# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
merkrede: 10h – 16h; vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.

**Estraro**
**Prezidanto**: Genildo Martins Coelho
**Vicprezidanto**: Paulo Sergio Viana
**1-a Sekretariino**: Anna Lobo de Carvalho
**2-a Sekretariino**: Sidnéa da Conceição Beall
**1-a Kasisto**: José Roberto Tenorio
**2-a Kasistino**: Neide Aparecida de Freitas
**Propaganda Direktorino**: Maria Delza M. Jesus

**Konsilantaro**
Conceição Rodrigues, Audino Castelo Branco kaj Aparecida de Souza Araújo

**Anstataŭantoj**
Osvaldo P. de Holanda kaj José Martins Coelho

## ENHAVO


Vortoj de la redaktanto | Vortoj de la prezidanto 04
Ĉu vi vojaĝos kun via dorlotbesto? 05
Recenzo: Nova Rege-albumo "Kreaktiva" 06
"Matematiko estas reĝino kaj servisto de sciencoj..." 07
Ĉu poezio necesas? — Ferreira Gullar 08
Transnacia edikado de planeda civitano: neprokrastebla tasko 10
La plej arabeca brazilano 12
Moderna vivo: Du dietfuroroj 14
Kino kaj aliaj artoj — recenzo: La Trilogio Millenium 16
La Amo kaj la Cúbis 17
Eduki por la vivo: La aventurema balailoj 18
Eŭreka! — Origino de la Kemiaj Elementoj 19
Tradukekzercoj: Soneto XLI - Pulvis 20
Lingva Diverseco: Morfologio de la lingvo Gavião-Pykobjê 21
Iom da Gramatiko: Rilataj pronomoj kaj adverboj 22
Iom pli pri Villa-Lobos 25

# Vortoj de la redaktanto

Uf!...

2016 estis “Lampira jaro” !

Ni sukcesis aperigi ses numerojn de nia revuo, kaj la ĝenerala impreso, laŭ personaj komentoj, estis pozitiva, rilate la enhavon. Ni fakte ŝatus ricevi (por publikigo), la opiniojn de la legantoj, kiuj jen povus tiel indiki novajn vojojn, novajn ideojn.

Tion ni ŝuldas al niaj artikolistoj, kiuj entuziasme reagis al niaj invitoj verki por la revuo. Al ili ĉiuj ni esprimas ĉi tie plej varman dankon kaj gratulon. Montriĝis senkonteste, ke nia komunumo estas pensema, verkema kaj homama — se oni konsideras, ke serioza verkado estas ja ama ago. Mi esperas, ke nia teamo plu daŭrigu sian kunlaboradon por nia revuo, kaj ke aldoniĝu al nia verkemularo pliaj talentuloj.

Ek en 2017!



# Vortoj de la Prezidanto

## Prof. Genildo Martins Coelho



Jen komenciĝas nova jaro, kaj kune kun la ondo de optimismo, kiu kaptas la homaron en la komencaj tagoj, ni havas la devon serioze pensi, ke la nova jaro ne estos bona per miraklo. Ni havas la devon fari ĉion eblan, por ke ĝi efektive estu bona.

Tio koncernas ankaŭ nian ŝtatan asocion, kompreneble. Ni ne rajtas akomodiĝi pro la atingoj de 2016. Ni faru 2017 ankoraŭ pli bona – ĉar multaj celoj ne estas ankoraŭ atingitaj.

Por la nova jaro ni havas apartan defion. Esperanto-Asocio de San-Paŭlo celebros sian 80-jaran jubileon. Ĉi tiu dato meritas nian klopodadon por digna festo. Ne temas pri banala jubileo, sed rememoro pri jardekoj da batalado senĉesa por la diskonigo kaj uzado de Esperanto en nia ŝtato. Multaj pioniroj fervore laboris por ke ni staru nunjare, ĉi tie, en nia amata EASP.

Por tiu digna celebro, ni decidis okazigi nian jaran kongreson en la ĉefurbo. Ni jam preparas la eventon. Sed por tio, ni bezonas la apogon kaj aktivan partoprenon de la tuta Esperantistaro de nia regiono.

Omaĝe kaj respekte al la pioniroj, mi kore alvokas la samideanaron al entuziasma kunlaborado kun la estraro, cele al inda festo!

# Ĉu vi vojaĝos kun via dorlotbesto?

**Cristina Graaf (Ilhabela - SP)**



Multaj el ni ne rezignas pri la kompanio de niaj hejmbestoj dum libertempo, promenadoj, aŭ ferioj. Iafoje ni bezonas alporti ilin al bestkuracisto, aŭ kiam ni translokiĝas al alia domo, aŭ en pluraj aliaj situacioj.

Estas grave memori, ke por la transportado de bestoj tra grandaj aŭ malgrandaj distancoj necesas specialaj zorgoj.

Iuj bestoj naŭzas pro la movado de la veturilo, aŭ tre maltrankviliĝas dum la vojaĝo. Katoj estas speciale rezistemaj al nekonataj lokoj, translokiĝoj aŭ vojaĝoj. Tiuokaze, anticipe petu de veterinaro iun kontraŭnaŭzan medikamenton aŭ mildan trankviligilon. Neniam uzu tiujn substancojn sen profesia konsilado, ĉar ili povas esti danĝeraj.

Konservi la korpan temperaturon estas pli malfacile por bestoj ol por homoj. Tial ofte okazas, ke bestoj mortas kaŭze de tro alta korpa temperaturo ene de aŭtomobiloj, dum varmaj tagoj. Vojaĝu nokte, aŭ dum malvarmaj momentoj, eble kun funkcianta klimatizilo. Neniam lasu vian amikon sola, ene de la veturilo por rapida manĝado, ekzemple. Ĝi povos suferi ŝokon post kelkaj minutoj. Ne forgesu freŝan akvon kaj telereton.

Same kiel ni, ĝi devos vojaĝi sekure. Hundoj povas uzi specialan savzonon, ĉar se okazos subita halto aŭ akcidento, la besto povos esti  jetita kontraŭ la homoj , kaj kaŭzi gravajn vundojn al ambaŭ. Ĝi ankaŭ povas esti transportata ene de transport-skatoloj, kun adekvada grandeco kaj higiena ŝtofo , kie ĝi povos moviĝi kaj komforte ripozi.

Ne alportu katon for de via hejmo sen bona transpot-skatolo, kun bona fermilo aŭ eble ŝnurligu la pordon. Katoj malfermas ĉion, escepte de pendseruro! Ne pensu alporti katon nur envolvita per tuko, en viaj brakoj.

Ne transportu beston liberigitan en veturilo. Ĝi povas ektimiĝi pro bruo, kamiono, sonavertilo, ktp. La maltrankviliĝo de vojaĝo povas okazigi batalojn, se vi transportos du aŭ pliajn bestojn. En tiuj okazoj, la besto volas kaŝiĝi en loko, kie ĝi pensas, ke ĝi estas sekura, eble ĉe la piedoj de la stiranto, sur la kontrol-pedaloj. Do, la stiranto perdos la kontrolo de la aŭtomobilo kaj povos okazigi gravan akcidenton.

Fine, eliru el aŭto kun la besto ligita per kolumo kaj gvidŝnuro, ĉar ĝi povos ektimi, kuri, perdiĝi aŭ esti batpuŝita. Ne fidu, ke vi alvokos ĝin kaj ĝi revenos al vi.

Memoru: la saĝeco de besto estas ene de la kapo de la homo. Estu respondeca kaj bonan vojaĝon!



## Nova Rege-albumo “Kreaktiva” de Jonny M haveblas

***Anna Lobo***

La fameco de la juna rege-kantisto Jonny M komenciĝis jam en la jaro 2010, kiam lia unua kanto “En somero” publikiĝis en la interreto. Sekvis kunlaborado kun la esperanta muzikeldonejo VINILKOSMO, kiu aperigis tri jarojn poste la unuan albumon “Regestilo”. Ĝi disvastiĝis rapide kaj ebligis al la artisto koncertojn tra la tuta mondo.

Post tia varbvojaĝo li sin retiris por fari kreeman paŭzon kaj koncentriĝi por novaj kantoj. Grava mejlŝtono estis la invito al la Trilanda Esperanto-renkontiĝo en Bandung, Indonezio. Ĝi helpis plidisvastigi lian repertuaron al aziaj esperantistoj.

Li anoncis la publikigon de nova albumo januare 2017 dum la JES en Waldheim ĉe Brahmsee.

La nova albumo estas duobla kaj enhavas ne nur dek kvar freŝnovajn kantojn sur KD, sed ankaŭ dokumentaĵon pri la verkado de la albumo, muzikvideojn kaj aldonaĵojn sur DVD. Li sukcesis kunlabori kun tri gravaj aliaj esperanto-muzikistoj, nome La Perdita Generacio, Dolchamar kaj jOmO.

Muzike, la albumo “Kreaktiva” estas mikso inter dancigaj ritmoj, facile enkapigeblaj melodioj kaj pripensindaj tekstoj. Politikaj kantoj kiel “Ribeluloj” rotacias kun festemaj kantoj kiel “Ni estas fortaj”. Troviĝas ankaŭ personaj kantoj, kiel “Por mia patro”, per kiu li laŭdas la agadon de sia mortinta patro. “Bam Bam” estas kanto pri vegetara kaj vegana manĝmaniero, en kiu li klarigas la kaŭzojn kaj necesojn, pro kiuj pli kaj pli da homoj en Eŭropo kaj aliaj lokoj ŝanĝas sian vivstilon. Kvankam tiu kanto sufiĉe diskutindas, ĝi estis vaste akceptita en la unua koncerto.




En la jaro 2017 sekvos multaj koncertoj de Jonny M en aranĝoj precipe tra Eŭropo, en kiuj li prezentos la novan albumon. Se vi jam volas havi pli da informoj, provaŭskulti la kantojn aŭ subteni lian junan talenton kaj esperanto-agadon per aĉeto de la nova verko, bonvole vizitu *www.jonny-m.org/kreaktiva*. Se vi ne estas interrete aktiva, demandu vian lokan libroservon pri la albumo!

Listo de liaj sekvontaj koncertoj, aliaj informoj kaj pli da muziko de Jonny M ankaŭ haveblas je *www.jonny-m.org*.

# "Matematiko estas reĝo kaj servisto de sciencoj..."

**Audino - Raŝi (Atibaia - SP)**

La supra titolo estis verkita de unu el la plej kompetentaj matematikistoj el ĉiuj tempoj, **Gaŭso** (Carl Friedrich Gauss 1777-1855). Lia genieco elstariĝis en frua aĝo, 24-jara, kiam li publikigis la verkon "Disquisitiones Arithmeticae" (Esploro pri Aritmetiko), lia plej fama libro. De tiam, li iĝis konata kiel "La Princo de Matematiko".




**Gauss** naskiĝis en Germanio kaj, jam infanaĝe, li sumis ĉiujn naturajn entjerajn numerojn de 1 ĝis 100, en 5 minuta kalkulado. Li grupigis, duopen, 1 kaj 100, 2 k 99, 3 k 98, 4 k 97 ĝis 50 kaj 51. Ĉar ĉiuj paroj de tiu aranĝo sumiĝas 101, li rimarkis ke la serĉata rezulto **(5050)** povus esti atingata per simpla kalkulado de la multobligo **50 × 101**. Li estis vere mirinfano kaj genia plenkreskulo en tioma grado, ke oni konjektis ke, neniam plu, naskiĝos alia persono, kiu povus kompreni la tutan matematikon de sia epoko. Tiu supozo ne konkretiĝis...

En 1854, unu jaron antaŭ la morto de "La Princo", naskiĝis en Francio tiu, kiu estas konsiderata, ĝis nun, la lasta persono kiu profunde specialiĝis pri ĉiuj kampoj de Matematiko, **Henri Poincaré** (1853 - 1912). La mondvasta inteligenteco kaj genio de Poincaré tiom mirigis liajn samtempulojn, ke oni scivolemis pri lia "Intelekta Kvociento" (IK), esploro kreita de Alfred Binet, franca pedagogo kaj psikologo. Binet estis la fondinto de la psikometrio, la scienco pri mezuro kaj komparo de la psikaj funkcioj, kiu, inter aliaj aspektoj, celis la mezuron de intelekto kaj kapablo pri la logika pensado.

Kiam oni testis la "Intelektan Kvocienton" de Poincaré, la rezulto surprizis ĉiujn: intelekta nekapablulo! La fikvociento vekis scivolemon pri la supozaj "eraroj" de rekonata franca geniulo. Unu el la demandoj de la Binet-testo estis: "kiu estas la venonta numero de la serio 1, 2, 3, 4, 5,...?" Poincaré respondis "oni ne povas havi certecon pri la sekva numero ĉar ni ne scias la ĝeneralan regulon de la serio."

Lia respondo povas ŝajni neĝusta al ajnulo, sed ĝi estas plene taŭga! Provu vi diveni la sekvan numeron de la serio "..., 25, 26, 27, 28, 29,..." kaj vi rimarkos ke la respondo povus esti **"30"** se la kaŝita regulo estus **"an+1 = an + 1"**. Sed, neatendite, la respondo ankaŭ povus esti **"200"** se la regulo de la serio estus "la numeroj kiuj komenciĝas per la litero D".

*Daŭrigota sur la paĝo 24*

# Ĉu poezio necesas?
## Ferreira Gullar

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**



*"Arto ekzistas, ĉar vivo ne sufiĉas." (Ferreira Gullar)*

Famkonata pro sia politika agado kaj granda kono pri arto kaj kulturo, Ferreira Gullar (José Ribamar Ferreira), unu el la plej grandaj poetoj kaj brazilaj intelektuloj, naskiĝis en São Luís (Maranhão), la 10-an de Septembro 1930, kaj mortis la 04-an de Decembro 2016 en Rio-de-Ĵanejro.

Poeto, eseisto, kritikisto, tradukisto, biografiisto, televidverkisto, dramisto, lirikisto de la populara kanto, en partnereco kun famaj brazilaj komponistoj, kiel Caetano Veloso, Milton Nascimento kaj Fagner.

Li partoprenis en la tiel nomata ikonkreta movado kaj helpis fondi Novkonkretismon.

Lian artan vojon oni povas kompreni laŭ deklaro farita de Gullar mem: *"[...] Mi ĉiam verkis poezion, kiel batalon, serĉante la sencon de l' aferoj, la signifon de vivo mem kaj de literaturo, samtempe, kiel la bezonon savi la vivsperton, ne lasante, ke ĝi perdiĝu. [...]"*

Persekutita de la milita diktatoreco en 1971, Ferreira Gullar ekziliĝis en Moskvo, Santiago, Limo kaj Bonaero. En 1976, ankoraŭ en la ekzilo, en Bonaero, li publikigis sian plej faman tekston, nome Malpura poemo - longan poemon (je preskaŭ cent paĝoj) - kiu estas konsiderata kiel lia ĉefverko.

Lia literatura verkaro estas ampleksa kaj riĉa. Ni mencias nur la tri plej konatajn titolojn de lia poezio: La korpa lukto (A luta corporal), 1954; Ene de la hasta nokto, (Dentro da noite veloz), 1975; Malpura poemo (Poema sujo), 1976. Bruoj (Barulhos), 1987.

En 2002 li estis indikita de naŭ eminentaj profesoroj de universitatoj en Brazilo, Portugalio kaj Usono por la Nobelpremio pri Literaturo.

La plej gravan literaturan premion el la Komunumo de portugallingvaj landoj, nome la Premion Luís de Camões, Gullar ricevis, en 2010.

En oktobro 2014, li estas elektita al la Brazila Beletra Akademio por okupi la seĝon 37 de la poeto kaj tradukisto Ivan Junqueira.

Ni finas ĉi tiun mallongan raporton pri la jam karmemora poeto Ferreira Gullar per liaj propraj vortoj, en prozo kaj verso:

*[...] "Mi deziras, ke poezio, meze de sufero kaj senhelpeco, havu la virton ŝalti ian ajn lumon, kiu ne estas donata al ni, kiu ne descendas de la ĉielo, sed naskiĝas de la manoj kaj spirito de homoj " [...].*

## *Ordinara homo*

*Mi estas ordinara homo*
*el karno kaj memoro*
*el osto kaj forgeso.*
*Mi iras piede, per buso, taksie,*
*aviadile*
*kaj vivo blovas ene de mi*
*panika*
*kiel flamo de blovtubo*
*kaj ĝi povas*
*subite*
*ĉesi.*

*Mi estas, kiel vi*
*farita el memoraĵoj*
*kaj el aĵoj forgesitaj*
*vizaĝoj kaj*
*manoj, la ruĝa ombrelo je tagmezo*
*en Bonaj Paŝtejoj,*
*mortintaj ĝojoj floroj birdoj*
*fasko de luma posttagmezo*
*nomoj, kiujn mi forgesis*
*buŝoj bananujoj flagoj*
*ĉio*
*miksita*
*tiu bonodora ligno,*
*kiu ekbrulas*
*kaj igas min marŝi*

*Mi estas ordinara homo*
*brazila, plenkreskulo, edziĝinta,*
*rezervisto,*
*kaj mi vidas, amiko,*
*nenian sencon pri vivo, krom*
*batali ni kune por pli bona mondo.*
*Poeto estis mi je nedaŭra sorto.*
*Sed poezio raras kaj ne emocias*
*aŭ movas kamionon.*
*Mi volas do paroli al vi,*
*de viro al viro,*
*teni min sur vi*
*doni al vi mian brakon*
*ĉar tempo estas mallonga*
*kaj jen estas grandaj terposedaĵoj,*
*kiuj mortigas .*
*Ĉar tempo estas mallonga*
*kaj jen Chase Bank,*
*IT & T, Bond and Share,*
*Wilson, Hanna, Anderson Clayton,*
*kaj tiom da aliaj*
*brakoj de l' polpo, ensorbanta*
*nian vivon*
*kaj monujon*
*Ordinara homo, simila al vi,*
*mi trairas l'Avenuon premita*
*de imperiismo.*
*L'ombro de de grandaj terposedaĵoj*
*makulas la pejzaĝon,*
*malklarigas l' akvojn de l' maro*
*kaj infanaĝo revenas*
*al nia buŝo, amara,*
*malpura pro koto kaj malsato.*
*Sed ni estas multe da milionoj*
*da ordinaraj homoj*
*kaj ni povas starigi muregon*
*per niaj korpoj el revoj kaj lekantoj.*

GULLAR, Ferreira. Ene de la hasta nokto. El: Tuta poezio. Rio de Ĵanejro: José Olympio, 2000.

# Transnacia edukado de planeda civitano: neprokrastebla tasko.

**Paulo P. Nascentes* (Brasília - DF)**

*La menso, kiu malfermiĝas al nova ideo, neniam plu revenas al la origina dimensio.*
(Albert Einstein)

Kiel fariĝi fakte monda civitano – nepra postulo de nia tempo – nehavante efektivan komunikan ilon, facile lerneblan kaj principe neŭtralan, tio estas, ne jungita al interesoj de certaj nacioj aŭ ideologioj?

La lingvaj baroj, la enda emfaza punkto, kontinue spitas la teknologion de tradukmaŝinoj, samkiel trudas fremdajn lingvojn al instru-sistemoj mondskale. Kiel bone klarigas la Manifesto de Prago[1]:




*"Ĉiu etna lingvo estas ligita al difinita kulturo kaj naci(ar)o. Ekzemple, la lernejano, kiu studas la anglan, lernas pri la kulturo, geografio kaj politiko de la anglalingvaj landoj, precipe Usono kaj Britio. La lernejano, kiu studas Esperanton, lernas pri la mondo sen limoj, en kiu ĉiu lando prezentiĝas kiel hejmo."* Tio ĉar *"la edukado per iu ajn etna lingvo estas ligita al difinita perspektivo pri la mondo."*

Transnacia edukado, kontraŭe, proponas al ni tujan kontakton kun la varia kolora bunto de pluraj kulturoj, ampleksigas nian akcepton de la malsimilo, valorigante la riĉecon eĉ de tribaj vivkulturoj, kun siaj tradiciaj kaj utilaj saĝoj, kaj nin provizas per medioj kaj manieroj, kiuj finfine igas nin esti planedaj civitanoj.

Kundividi nian neŭtralan lingvon kun tiuj, kiuj ĝin uzas, portas la avantaĝon povi partopreni entute en la agoj kaj decidoj de internaciaj organoj el la tria sektoro, kiel NROj kaj institucioj, kiuj aŭspicias la packulturon kaj mediprotektadon. Aldone, kiam ni fariĝas gastoj de lokaj loĝantoj, ni neniam estas nuraj turistoj portataj al indikitaj lokoj fare de vojaĝaj agentoj, apenaŭ vidante pejzaĝojn de busoj kaj busetoj. Kontraŭe, nin gastas kaj veturigas geamikoj pretaj por nin ricevi kaj elmontri siajn tagvivojn, tio estas ordinara fakto inter esperant-istoj tra la mondo kaj la eksterlanda vojaĝo ege gajiĝas kaj fruktodonas. Kiu parolas Esperanton konstatas tion ĉiutage en la tuta mondo!

Kvankam, en Edukado, la atingo de certaj normigoj nur povas esti taksata post jardekoj, el la individua vidpunkto, tamen, la transkultura edukado portas tujajn avantaĝojn, tuj post la Esperanta komunika lernado. Ĉar ĝi estas lingvo pli facile lernebla kompare al la plimulto de la naciaj lingvoj — ĉiam havante neelteneblajn esceptojn. En Esperanto, la distanco inter la lernado kaj la efektiva uzo de la lingvo estas ja mallarĝa. Oni eksplikas tion facile. Struktura logiko, fonetika kaj gramatika simpleco, malesto de timindaj esceptoj kaj internacia vortoprovizo — kiu multobliĝas rapide por formi centojn da novaj vortoj formitaj pro la helpo de trideko da prefiksoj kaj sufiksoj — tiuj estas karakteroj, kiuj forte akcelas la akiron de la lingvo.

En Esperanto, vi kreskigas vian vortaron laŭ facila maniero kaj amuze. Ĝi estas luda. Ĝi estas kiel kombini kolorblokojn en la konata "Lego"-ludilo.

Kaj pli: en debataj renkontiĝoj kun homoj el ĉiuj mondpartoj, la uzo de Esperanto donas plenan egalecon al la interparolantoj. Ĉiuj eliras el la sama punkto, povante paroli pri kio ajn, sen la ĝeno esti konfrontataj de siaj lingvaj kapabloj kontraŭ la denaskuloj de la reganta lingvo. La diskutado de gravaj mondaj problemoj en Esperanto preterlasas, tiel, legion da tradukistoj kaj kapaŭskultiloj, kiel nepraĵojn de la hodiaŭaj internaciaj konferencoj.

Aŭ ni forlasu tuj, tiel, la barojn kaŭzitajn de la multobligo de lingvoj — kaj ĉiuj lingvoj, eĉ la minoritataj, meritas esti antaŭgardataj! — aŭ ni amare *ad eternam* sentos niajn malsukcesojn dum la tiel nomataj multflankaj kunvenoj, kie nur la reprezentantoj de regaj nacioj sentas sin hejme, ĉar *mia lando estas mia lingvo*, kiel oni scias... Alipunkte, tiuj, kiuj parolas Esperanton sukcesas mirakle diri kaj pri sia denaska lingvo kaj pri Esperanto: "mi sentas tiujn du, kiel **miajn lingvojn**". Unu, ĉar ĝi estas el mia patrujo, kaj la alia, ĉar ĝi estas disa tra la tuta planedo. Cetere, en tempoj de interreto, tiu situacio povas esti rapida kaj facile ampleksata, se tiel ni volas.

(Esperantigo de prof. Adonis Saliba)




*(*)*
*Instruisto de Esperanto (UnB/LET/UnB Idiomas)*

*(1)*
*http://eo.wikipedia.org/wiki/Manifesto_de_Prago*



# La plej arabeca brazilano

José Mauro Progiante (Bauru - SP)

Ali Iezid Izz-Edim ibn Salim Hank Malba Tahan, kredanto de Alaho kaj de la sankta profeto Mahometo, estis fama araba verkisto, naskiĝinta en la Araba Duoninsulo en la 6a de majo de la jaro 1885, en vilaĝeto nomata Muzalit, proksima al Mekko, religia centro de Islamo.



*Júlio César M e Sousa (1895-1974)*

Li estis ankoraŭ juna, kiam la emiro Abd el-Azziz ben Ibrahim invitis lin okupi la postenon de urbestro de la sankta urbo Medino, kie situas la tombo de Mahometo. Tiun oficon li plenumis kun inteligenteco kaj diplomateco, evitante kverelojn inter pilgrimantoj kaj lokanoj kaj helpante la multajn eksterlandanojn, kiuj vizitis la sanktajn lokojn de Islamo.

Poste Malba Tahan studis en Egiptio kaj Turkio, ĝis li heredis grandan riĉaĵon pro la morto de sia patro kaj decidis vojaĝi tra la mondo. Li konis Ĉinion, Japanion, Rusion, Hindion kaj eĉ vivis kelkatempe en Brazilo.

Liaj libroj, verkitaj arablingve, estas tradukitaj en la portugalan lingvon de la brazilano Prof-o Breno Alencar Bianco.

Malba Tahan mortis en 1921, dum batalo en Centra Arabio, kiam li luktis por la sendependeco de minoritato de tiu regiono.

Sur la unua paĝo de lia unua libro publikigita en Brazilo, *Rakontoj de Malba Tahan*, en 1925, aperis ilustraĵo montranta tipan maljunan arabon, kun turbano kaj longa blanka barbo. Tial, dum multaj jaroj la publiko kredis, ke Malba Tahan vere estis tia maljunulo.

Tamen, en la reala mondo ne ekzistis Malba Tahan, nek Prof-o Breno Alencar Bianco. Ili estis fikciaĵoj, pseŭdonimoj de la brazila verkisto Júlio César de Melo e Sousa.

Naskiĝinta en la 6-a de majo (sama naskiĝtago de Malba Tahan), sed de la jaro 1895, en Rio-de-Ĵanejro, Júlio César pasigis siajn infanajn jarojn en la urbo Queluz (ŝtato San-Paŭlo). En tiu tempo li jam montriĝis tre imagema, kreante originalajn rakontojn pri strangaj roluloj kun nomoj absurdaj.

Kvankam liaj gepatroj estis kleraj (ambaŭ instruistoj), la financa situacio de la familio estis malfacila, ĉar Júlio havis ok gefratojn. Li studis en la fama Kolegio Pedro II, kie, por gajni iom da mono, li skribis kaj vendis redaktaĵojn al pigraj lernejanoj. Tiel li preparis sin por esti verkisto.

Júlio César de Melo e Sousa famiĝis ne nur pro verkado de belaj kaj moralinstruaj rakontoj, sed ankaŭ kiel pedagogo, ĉefe pro atentovekaj kaj originalaj libroj skribitaj por instrui matematikon. Unu el tiuj, *La Kalkulisto* (portugallingve

*O Homem que Calculava*), verŝajne estas la plej konata libro verkita de li sub la kaŝnomo Malba Tahan.

Kiel Malba Tahan, li verkis preskaŭ 50 librojn, la lastan en 1974, jaro de lia forpaso. Tiel forta estis la ligiteco de Júlio César kun sia arabeca pseŭdonimo, ke la tiama prezidento Getúlio Vargas, per speciala dekreto, rajtigis lin aldoni la nomon Malba Tahan en sian identigilon.

Lia frato, João Batista de Melo e Sousa, estis Esperantisto, kaj, laŭ novaĵo publikigita en la ĵurnalo *Correio da Manhã*, en 1966(*), li estis amiko de Zamenhof kaj instruisto de Esperanto.

Bedaŭrinde mi ne konis Júlio César-Malba Tahan en mia infaneco. Mi jam estis adoleskanto, kiam amiko pruntis al mi *La Kalkuliston*. Ekde tiam mi iĝis admiranto kaj ofta leganto de tiu arabeca brazilano. Nuntempe, kiam sangavidaj teroristoj, per-bombe kaj memmortige sin prezentas al la mondo kiel defendantoj de Islamo, mi sentas, ke krom la ĉagreno kaŭzita de la vid-ado de tiom da senkulpaj viktimoj, mi havas alian motivon por bedaŭri.

Mi bedaŭras ankaŭ pro tio, ke la spektantoj de tiaj absurdaj teroraj atakoj ricevas tute fuŝan kaj falsan impreson pri Islamo, pri la arabaj historio kaj kulturo.

Prof-o Júlio César de Melo e Sousa, la eterna Malba Tahan, instruis al mi, per vortoj multe pli belaj ol mi kapablas elpensi, ke en la fundamento de Islamo, en la araba civilizacio, en la koro de la veraj kredantoj de Alaho kaj de lia profeto Mahometo, estas tiom da saĝeco, amo kaj toleremo, kiom da sableroj estas en iliaj dezertoj kaj kiom da steloj sur ties luma ĉielo.




*(*)http://memoria.bn.br/DocReader/Hotpage/HotpageBN.aspx?bib=089842_07&pagfis=73953&pesq=&url=http://memoria.bn.br/docreader#*

# Moderna vivo

## Du dietfuroroj

Francisco S. Wechsler (Campinas - SP)

Ĉiutage ekfuroras novaj dietsistemoj, kiuj celas malgrasecon, muskolkreskon, sentoksiĝon ktp. Al la vasta plimulto de tiaj sistemoj tute mankas scienca bazo, sed por kelkaj ekzistas tia fundamento, kvankam ofte erare aplikata. Ĉi-sekve mi pridiskutos du el la lasta tipo, nome, la senglutenajn kaj la senlaktajn dietojn.




**Senglutenaj dietoj**

Gluteno estas speco de proteino trovebla en kelkaj grenoj, precipe en tritiko, hordeo aŭ sekalo. Ĝi tute aŭ preskaŭ tute forestas en rizo, maizo, terpomoj, manioko, lakto, viando, fruktoj, nuksoj kaj oleoj. Tamen konservitaj derivaĵoj iafoje ja enhavas aldonitan glutenon; la fabrikanto de tiaj derivaĵoj devas laŭleĝe montri averton pri tio en la pakaĵoj.



Ĉu gluteno estas malsaniga substanco? Por proksimume 90% de la homaro ĝi estas utila proteinfonto; tamen por la ceteraj 10% ĝi povas kaŭzi diversajn formojn de alergio aŭ netoleremo. La plej severa formo de netoleremo, kiu suferigas 1-2% de la homoj, estas la tiel nomata ventrokava malsano, kies simptomoj estas lakso, intestinflamo, malbona ensorbado de nutraĵoj, haŭtvezikoj kaj eĉ iafoje manko de muskola kunordiĝo. Ĉi tiu malsano estas gene determinita kaj dumviva; la sola konata kuracilo estas tute kaj daŭre eviti ian ajn nutraĵon kun gluteno.

Lastatempe disvastiĝas la misinformo, ke, por ĝui perfektan sanon, esencas konsumi nur senglutenajn manĝaĵojn. Tiu furoro, kompreneble, prosperigas ties fabrikantojn kaj la tiel nomatajn butikojn de “naturaj” manĝaĵoj. Tamen alergion aŭ netoleremon al gluteno povas precize diagnozi nur kuracisto, helpate de specifaj ekzamenoj.

**Senlaktaj dietoj**

Patrina lakto estas bonega nutrofonto por ĵusnaskitoj. Ĝi liveras ĉiujn nutrelementojn esencajn por la sana kreskado de junaj infanoj. Efektive, infankuracistoj ordinare rekomendas, ke ĵusnaskitoj konsumu sole nur patrinan lakton ĝis la sesa monato kaj plu konsumu ĝin ĝis du jaroj da aĝo. Lakto el aliaj mamuloj ne povas plene ansta-

taŭigi patrinan lakton, ĉar la ĉi-lasta, rezulte de milionoj da jaroj de evoluo, havas la ĝustan konsiston por nutri ĵusnaskitojn. Ekzemple, bovina lakto enhavas tro multe da graso kaj tro malmulte da fero por ĵusnaskitoj.




Tio ne nepre signifas, ke ne eblas aŭ ne rekomendindas konsumi bestan lakton je pli malfruaj aĝoj. Male: lakto estas bonega fonto de proteino, energio, pluraj vitaminoj kaj pluraj mineraloj (precipe kalcio). Kunmeti sanajn dietojn sen lakto aŭ sen laktoderivaĵoj ja eblas, kvankam oni devas aparte zorgi pri la aminoacida kunmeto de la proteino kaj pri la enhavo kaj ensorbebleco de kalcio.

Ĉiu lakto, inkluzive de la patrina, enhavas sukeron nomatan laktozo. Ĉiu ĵusnaskita mamulo kapablas digesti laktozon, kvankam en multaj individuoj tiu ĉi kapablo iom post iom malaperas, laŭgrade kiel ili kreskas. Plenkreskaj homoj el Kaŭkazaj etnoj ordinare bone digestas laktozon, sed en Afrikaj, Aziaj kaj Oceaniaj popoloj netoleremo al laktozo estas ofta. Ĉar tiuj ne kapablas digesti laktozon, ĝi fermentiĝas en la dika intesto, kaŭzante lakson kaj gasojn. Tamen eĉ tiaj individuoj ordinare povas senprobleme konsumi fermentitajn laktoderivaĵojn, kies laktoza enhavo estas malalta. Alia eblo estas konsumi senlaktozigitan lakton.

Alia problemo, kiu okazas en 2-3% de ĵusnaskitoj, estas alergio al la laktoproteino. Ĝi povas kaŭzi gravajn simptomojn, kiel sangan lakson, vomojn, spirproblemojn kaj subnormalan kreskadon. Ĉi tiun alergion oni povas kuraci liverante laktosurogaton el sojproteino, aŭ kaprinlakton. Poste oni iom post iom enkondukas bovinlakton, kaj fine la plimulto de tiuj infanoj liberiĝas el tiu alergio.

Pro tiaj faktoj, bedaŭrinde estiĝis la miskompreno — disvastigata eĉ de kelkaj kuracistoj! —, ke lakto estas "veneno" evitinda. Ripetendas: lakto estas altkvalita nutraĵo kaj la kazojn de netoleremo aŭ alergio diagnozu kaj kuracu kompetenta medicinisto.

**Fina mesaĝo**

Oni kunmetu dietojn ne surbaze de onidiroj, misinformoj aŭ furoroj, sed surbaze de sciencaj faktoj kaj konsiloj de kompetentaj profesiuloj.



# Kino kaj aliaj artoj

## Filmrecenzo: La Trilogio Millenium










Anna Lobo (São Paulo - SP)

**Nomo**: The Millenium Trilogy
**Lando**: Svedio, 2009
**Reĝisoro**: Niels Arden Oplev
**Roluloj**: M. Nyqvist, N. Rapace, Lena Endre kaj Peter Haber.
**Tipo**: Ago, Dramo, Suspenso, Krimo

Tiu estas trilogia sveda serio, bazita sur samnoma libro verkita de la ĵurnalisto Stieg Larsson. Antaŭ nelonge estis lanĉita la kvara libro de la serio, kiu estis verkita de David Lagercrantz, ankaŭ svedo kiu estis invitita de eldonejo por daŭrigi la historion. La ĉefa temo de la historio, tio estas seks-perforto al virinoj, devenas de tio, ke kiam Stieg estis dek-kvin-jaraĝa, li ĉeestis aran seksperforton al iu, kaj neniam sin pardonis, ke li ne sukcesis helpi ŝin. Ŝia nomo estis Lisbeth, kiel la heroa junulino de lia serio, kaj tiel li omaĝas ŝin.

La historio do disvolviĝas ĉirkaŭ la ĉefa rolulino — Lisbeth Salander. Ŝi estas tre sperta hakeristino kiu, malgraŭ la juneco sukcesas subteni sin per de hakera laborado por banko. Ŝi aspektas nekutima, preferante nigrajn kaj mal-helajn kolorojn, kun enmemiĝema personeco. Pro tio ĉio ŝi plenumas interesan rolon, alvokas nian atenton.

En tiu unua parto ŝi kuniĝas al la ĵurnalisto Mikael Blomkvist, verkisto de la grava revuo en la lando Millenium, por malkovri tion, kio okazis al iu nevino de milionulo, antaŭ 40 jaroj. Sekve en la serio oni malkovras iom post iom pri la vivo de Lisbeth, kaj kiu-maniere ŝi estis silentigita, perfortita fizike kaj mense kaj kiel ŝi agis por trapasi ĉiujn malfacilaĵojn.

La arto de la filmo estas ege bela, la aktoroj estas brilaj dum la tuta serio. Ĝi estas kvazaŭ krio kontraŭ seksperforto. Kompreneble, ĝi ne estas malpeza filmo, kaj aldone ĉiu filmo estas ordinare pli longa. Tamen, oni iĝas tiom katenita al la historio, ke oni ne rimarkas la tempon, kaj estas ĉiam la ebleco haltigi por daŭrigi en alia momento.

Mi pensas, ke tiuj ĉi filmoj fariĝis jam spektindaj klasikaĵoj. Nuntempe, tiu triopo “Millenium I — La viroj kiuj ne amis la virinojn”, “Millenium II — La knabino kiu ludis per fajro” kaj “Millenium III — La reĝino de la Aera kastelo” troviĝas en Netflix, sed ili foje ŝanĝas la disponeblajn filmojn. Bonan spektadon!

# La amo kaj la Cúbis

**Vinícius HPR (Campos dos Goytacazes - RJ)**

*(Ĉi tiu rakonto estas dediĉita al **Pedro Ribeiro**, mia amiko, kiu helpis min kompreni iomete pli pri la malsameco inter la  pasio kaj la amo)*

En Helos estis grandaj dioj, sed ĉi tiu rakonto temas pri du el ili: Orvalo, la dio de la naturo! Kaj Hino, la dio de la realo, de ĉio, kio estas.

La du dioj estis amikoj, Orvalo pensis kaj Hino faris. Tiele, ili kreis la animalojn kaj la plantojn. Iam, Orvalo kreis sian plej bonan kreaĵon: la amon.

La dio de la naturo kreis la amon, kaj ĝin disĵetis sur la teron, tamen, ne pro envio, Hino ankaŭ volis fari la samon. Kiam li diris tion, Orvalo al li respondis: "Vi povas fari ĉion, sed ne rajtas krei la amon! La amo ne povas obei al du sinjoroj!

Mi amus rakonti, ke Hino obeis kaj nenion faris, sed se tio okazus ni ne havus rakonton. Do, Hino faris tion, kion li ne rajtis fari, la amon. Li kreis la papiliojn kaj ordonis, ke ili disĵetu la amon tra la tero, kaj tiele ili faris.

Iom post iom, Orvalo rimarkis ke ĉiuj kreaĵoj estas malsamaj, ili estas amantaj alian. Do, li eksciis, ke Hino tuŝis lian kreaĵon. Ankaŭ Hino kreis la amon!

La venĝodeziro dronigis lian koron, kaj venis ideo el la doloro. Orvalo prenis la *Cúbis*, (tio signifas ĵaluzon en la lingvo de la dioj), unu tranĉilon, kaj celis enirigi ĝin en la koron de Hino. Eventuale vi demandas, kial la dio de la naturo celis fari tian malbonaĵon, ĉar la tuta dia esenco troviĝis en la koro, tiele, se li forprenus la koron de Hino, ĉio, kion li kreis malaperus.

Dum la dio de la realo dormis, Orvalo aperis malantaŭ li kun la *Cúbis* kaj rapide puŝis ĝin en lian koron, sed, pro la doloro, Hino vekiĝis kaj ĵetis la trancilon for. Kvankam li ne sukcesis detrui lian koron, Orvalo sukcesis vundi ĝin. La kreaĵo de Hino ne malaperis, sed ŝanĝiĝis. Hino ne plu estis la dio de la realo, de tio, kio estas. Li fariĝis la dio de la iluzio, la papilioj fariĝis la muŝoj kaj la amo, lia plej granda kreaĵo, fariĝis la pasio.

Tiele mi rakontis, kiel la ĵaluzo *(Cúbis)* vundis kaj detruis la amon. La amo, se vi volas scii, revenis al Orvalo, kaj la dio de la naturo ankaŭ fariĝis la dio de la amo, tial estas amo en la naturo. Mi montris ankaŭ, ke la pasio, ofte nomata "amo" de tiuj, kiuj ne ĝin konas, estas la plej granda verko de la Iluzio.

*(Ĉi tiu rakonto estas unu el la pluraj rakontoj trovataj en la libro La Diaj Kanzonoj, mitologio pri la mondo Helos.)*



# Eduki por la vivo

## La aventurema balailo

**Dirce Sales (Rio de Janeiro - RJ)**

Ĉu vi jam vivis momentojn, en kiuj ŝajne nenio kongruas? Jen mi, tion vivante, tute sen nordo aŭ ordo, antaŭ mia klasĉambro, kvazaŭ mi estus nevidebla, aŭ nekonata estulo... Do nevolonte, iom aŭtomate, mi prenis la balailon, ĝin ekvilibrigis sur mia dekstra mano, kaj ree kaj ree, montris mian lertecon, foje subtenante tiun objekton sur mian manon, foje ĝin movante sur miaj fingroj, aŭ pasigante ĝin de unu mano al la alia, tute senĝene. Tio sufiĉis por tuj ŝanĝi la sintenon de la gelernantoj, kiuj forlasis siajn seĝojn kaj alproksimiĝis scivolemaj. Kaj per iliaj lertaj manoj, libera imagpovo, interagado kaj aprobo mia, la balailo prenis al si la formon de pluraj objektoj, kiuj diktis al mi la jenan historieton:

Foje estis balailo, kiu balais, kaj balaadis,
tage kaj nokte, nokte kaj tage.
Sed iam ĝi laciĝis esti balailo kaj decidis
ŝanĝiĝi en bastonon de ekvilibristo por
amuzi infanojn, personojn kaj
tiujn, kiuj amas la arton de la cirko.
Sed resti bastono de ekvilibristo enuigas,
kaj ĝi decidis mikrofoniĝi kaj tiamaniere,
nur kanti, kanti senĉese, senlace por
amuzi romantikajn korojn.
Sed esti mikrofono ankaŭ lacigas
kaj ĝi decidis fariĝi iu ligna ĉevaleto
kaj kuri, kuradi, salti, saltadi senĉese
tra la kampoj, tra la montoj kaj valoj...
Sed esti ligna ĉevaleto ankaŭ enuigis ĝin
kaj ĝi, aŭdaca kaj petolema, decidis fariĝi
granda ligna kulero por miksi la kaldronon
de la sorĉistino, kiu amegis manĝadi ĉiutage,
supon el fazeoloj! Kia manĝema sorĉistino...
Sed ankaŭ esti kulero en kaldrono lacigas...



*Daŭrigota sur la paĝo 26*

# Eŭreka!

## Origino de la Kemiaj Elementoj

**Guilherme Jardim (Charqueada - SP)**

**La interno de antikvaj steloj**

Kiam oni studas la historion de la universo, oni alfrontas tuj unu demandon: "El kie venis la kemiaj elementoj?" Estas 92 malsamaj elementoj trovataj en la naturo. La astronomoj ĉiam akceptis ke la malplej peza el tiuj, la hidrogeno, estas la primara formo de la materio. Ĝiaj atomoj konsistas el nur unu protono kaj unu elektrono (kaj eventuale unu aŭ du neŭtronoj). En la jardeko 1930, estis kalkulita la dua malplej peza elemento, helio, ĝi estas sintezita ekde la hidrogeno, en la interno de la steloj. Sed kiel la ceteraj elementoj sinteziĝas? La plejmulto el la sciencistoj konkludis ke iamaniere, ili ekzistas ekde la komenco de la universo, fakte tio okazis antau du miliardoj da jaroj.

Tamen, kelkaj astronomoj malsamopiniis. Laŭ ili, la universo neniam havis komencon. Alie, ili proponadis la teorion "Stato Nemoviĝanta", en kiu la universo ĉiam ekzistis kaj la hidrogeno estas konstante kreita el nenio, je sufiĉe malalta grado por ke la fakto estu perceptita. En 1957, la astronomoj William Fowler, usonano, kaj Fred Hoyle, anglo, klarigis kiel tiu hidrogeno estas konvertita en pli pezajn elementojn, en unu vasta artikolo skribita kunlabore kun Margaret kaj Geoffrey Burbidge. Tiuj teoriistoj perceptis ke kelkaj steloj konataj kiel "ruĝaj gigantoj" estas, fakte, ordinaraj steloj kiuj konvertas la plej grandan parton de sia hidrogeno en helion kaj estas proksimaj al la fino de sia ekzistado. Ili elmontris ke dum la hidrogeno-helia reakcio eluzas energion, la centra regiono de la stelo malpligrandiĝas pro sia propra pezo, sekve varmigante sin, laŭlonge de la procezo. Pro la plialtigo de la temperaturo, okazas kompleta serio de aldonaj reakcioj, atomoj kunfandiĝantaj formas sinsekve la plej pezajn elementojn, ĝis alveni al la fero. La plej pezaj elementoj estas akiritaj per la posta aldono de protonoj kaj neŭtronoj. Ĉiuj tiuj elementoj estas, do, disvastigitaj tra la spaco ekstera kiam la stelo iĝas nestabila kaj komencas elmeti siajn elementojn.

Finfine, la plej grandaj steloj eksplodas spektakle, kiel iu "supernovao", kreante la plej pezajn elementojn en la procezo, kiel la uranio. La plej singulara detalo estas, ke la elmontro de Fowler kaj Hoyle estas ververe certa, eĉ se ilia deirpunkto, la teorio pri "Stato Nemoviĝanta", estu tute erara. Hodiaŭ ni scias, ke la universo havis komencon, malgraŭ ke antaŭ ĉirkaŭ dek-du miliardoj da jaroj kaj ne apenaŭ du miliardoj, kiel oni kredis antaŭe. Origine, la universo konsistis, proksimume, el tri-kvaronoj de hidrogeno, unu-kvarono de helio kaj

*Daŭrigota sur la paĝo 26*

# Tradukekzercoj

*(Noto de la Redakcio: Jen ni prezentas mirindan tradukekzercon proponitan de nia eksredaktoro Francisco S. Wechsler. Temas pri majstra traduko de majstra soneto. La legantoj klopodu mem solvi la tradukon, antaŭ ol legi la solvon de Wechsler. Tiel ili bon taksos la talenton de la tradukinto.)*

## Soneto XLI - Pulvis
Alphonsus de Guimaraens - p.437



*Alphonsus (1870-1921)*

Cantem outros a clara cor virente
Do bosque em flor e a luz do dia eterno...
Envoltos nos clarões fulvos do oriente,
Cantem a primavera: eu canto o inverno.

Para muitos o imoto céu clemente
É um manto de carinho suave e terno:
Cantam a vida, e nenhum deles sente
Que decantando vai o próprio inferno.

Cantam esta mansão, onde entre prantos
Cada um espera o sepulcral punhado
De úmido pó que há de abafar-lhe os cantos...

Cada um de nós é a bússola sem norte.
Sempre o presente pior do que o passado.
Cantem outros a vida: eu canto a morte...

Kantu ili florboskan ŝoskoloron,
Krepuskon flaman el la oriento.
Kantu ili printempan lumtrezoron:
Per mia kanto blovas vintra vento.

Laŭdas multaj karesan korfavoron
De milda kaj amema firmamento:
Sen rimarki, ke festas nur hororon,
La vivon ili kantas sen atento.

Palacon kantas, sed atendas larme,
Ke peza polvo en tomblabirinto
Kantadon punsufokos plej malvarme...

Homo estas kompaso ja sen nordo.
Nepre nuno pli premas ol pasinto.
Kantu ili pri l' vivo: mi, pri l' morto...

(Esperantigis Francisco S. Wechsler)

# Lingva Diverseco
## Morfologio de la lingvo Gavião-Pykobjê

**Karina Oliveira (São José dos Campos - SP)**

Indiĝenaj lingvoj alportas al la teorio de lingvistiko novajn interesajn kaj gravajn datumojn. En Brazilo estas ankoraŭ ne studataj lingvoj, precipe en la norda parto de la lando, kie estas la Amazonia arbaro kaj aliaj regionoj. Rosane de Sá Amado, instruistino pri la portugala lingvo ĉe la Universitato de San-Paŭlo, skribis sian doktoriĝan tezon pri la morfologiaj kaj fonologiaj aspektoj de la lingvo Pykobjê, ankaŭ konata kiel "Gavião de Maranhão" (Maranhão estas ŝtato en la norda parto de Brazilo), kiu apartenas al la grupo „Timbira", familio "Jê", pli granda familio "Macro-Jê", en la sudo de la ŝtato citita.

Ĉirkaŭ 540 personoj parolas la lingvon. Ili estas konataj kiel "Gavião do Maranhão" ĉar dum la unua kontakto (dum la dek-oka jarcento) kun ne indiĝenaj personoj ili akre kaj bataleme reagis (Amado 2004, p. 1). La portugala lingvo estas lernata de ili ekde ili estas kvin- aŭ ses-jaraĝaj, kiam ili komencas iri al la lernejo (kiu situas ene de la loko, kie ili vivas). Ili uzas la portugalan por komunikiĝi kun ne indiĝenoj, sed inter ili ĉiam estas uzata la pybobjê-a lingvo.

Estas kelkaj similaj lingvoj inter la indiĝenaj popoloj de la regiono. Kelkaj verkistoj diras ke ili estas dialektoj de la sama lingvo, aliaj diras ke temas malsamaj lingvoj. En 1994 komencis okazi kunvenoj inter reprezentantoj de malsamaj indiĝenaj popoloj por krei oficialan ortografion por la lingvoj. Estis problemoj ĉar kelkaj popoloj ne ŝatas unuj la aliajn, sed em 2003, post multaj kunvenoj kaj interparoloj, ili oficialigis ortografion, kun la helpo de du lingvistoj (Amado, p. 06).

La nomoj em Pykobjê povas ricevi derivaj afiksoj, kiel -**re**, kiu rolas kiel -et en esperanto; -**te**, kiu rolas kiel -eg en eo; - **me**, kiel -j en eo, sed en Pykobjê ĝi estas uzata nur por homoj. Krom la afiksoj, la kunigo de du radikoj ankaŭ povas formi nomojn em Pykobjê:

La verboj povas esti transitivaj kaj ne transitivaj (Amado, p. 38). La tempo estas difinita per la pasinteco, kiu estas la formo ne markita. La estantenco kaj la estonteco diferencas inter si per partikulo kiu indikas la estontecon.

En tiu ĉi lingvo la partikuloj okupas pozicion pli malpli stabila en la frazo, kaj ili povas kunligiĝi al nomoj aŭ pronomoj (Amado, p. 43).

Ĉar tiu tezo estas la unua priskribo de la lingvo, kompreneble restas ankoraŭ aferoj por esplori, kaj la priskribo mem povas esti kvazaŭ malneto, la unua versio de iu pli profunda analizado.

Interesa afero pri la morfologio de Pykobjê estas ke la neaj frazoj nepre

*Daŭrigota sur la paĝo 25*

# Iom da gramatiko

## Esperanta traduko de brazilaj rilataj pronomoj kaj adverboj

**Herbert Welker (Brasília - DF)**

Kial mi diras en la titulo de ĉi tiu artikolo “brazilaj” kaj ne portugallingvaj”? — Tion mi eksplikos pli malfrue.

Evidente vi konas la brazilajn rilatajn pronomojn kaj adverbojn, kaj vi lernis la esperantajn. Malgraŭ tio ni vidu unue, kio estas rilataj pronomoj.

En la portugala estas nur “que”, “quem” kaj “o/a qual”. La rilataj adverboj estas “onde”, “como”, “quando”.

Ambaŭ specoj de rilataj vortoj havas **antecedentojn (ĉef-vortojn)**. Ekzemple:

O **homem** que vi

A **casa** que comprei

A **mulher** com quem conversei

O **carro** pelo qual paguei uma fortuna

O **lugar** onde (aŭ: em que, no qual) vi isso

A **maneira** como (aŭ: de que, pela qual) isso foi feito

O **ano** quando (aŭ: em que, no qual) houve uma crise

La koncernaj pronomoj kaj adverboj en Esperanto estas:

Pronomoj: kiu, kio

Adverboj: kie, kiel, kiam

1) Unu problemo estas, ke la portugallingvaj pronomoj “que” kaj “quem” ne modifiĝas; ekzemple:

O homem / a mulher / os homens / as mulheres / o carro / os carros **que** vi

O homem / a mulher / os homens / as mulheres / **com quem** falei

Sed en Esperanto ekzistas du formoj de la pronomo “kiu”: **“kiu”** (singularo) kaj **“kiuj”** (pluralo).

Do dum la tradukado en Esperanton necesas atenti ĉu en la portugala la antecedento (ĉef-vorto) estas en singularo aŭ pluralo:

O homem que trabalha — La **viro kiu** laboras | Os homens que trabalham — La **viroj kiuj** laboras

2) Dua problemo estas, ke la esperantaj pronomoj “kiu” kaj “kiuj” modifiĝas depende de ilia gramatika funkcio en la frazo:

Subjekto:

Singularo: A criança que brinca — La infano **kiu** ludas

Pluralo: As crianças que brincam – La infanoj **kiuj** ludas

Objekto:

Singularo: A criança que vi — La infano **kiun** mi vidis

Pluralo: As crianças que vi — La infanoj **kiujn** mi vidis

La rolo de la gramatika funkcio gravas ankaŭ en la kazo de “kio”. Vidu:

Subjekto: Aquilo que me interessa — Tio, **kio** interesas al mi

Objekto: Aquilo que eu disse — Tio, **kion** mi diris

Ankaŭ en la kazo de la esperanta rilata adverbo "kie" ekzistas du formoj, sed nur unu en la portugala:
Sen movo: O lugar onde moramos — La loko, **kie** ni loĝas
Kun movo: O lugar onde (aŭ: aonde, para onde) vamos — La loko, **kien** ni iras

3) Estas unu kazo en kiu la brazilaj rilataj pronomoj "que" kaj "quem" estas "anstataŭigataj" per alia pronomo (kun 4 formoj): cujo/cuja/cujos/cujas. Tiuj formoj cetere signifas malfacilecon por lernantoj de la portugala. En tiu kazo Esperanto estas pli facila — ĉar ekzistas nur unu formo: kies.

O homem, **cuja** esposa é francesa — La viro, **kies** edzino estas francino
A mulher, **cujo** marido é francês — La virino, **kies** edzo estas franco
Minha amiga, **cujos** filhos estão doentes — Mia amikino, **kies** filoj estas malsanaj
Meu amigo, **cujas** filhas estão na escola — Mia amiko, **kies** filinoj estas en la lernejo

4) Nun mi eksplikos, kial mi uzis en la titolo la adjektivon "brazilajn", ne "portugallingvajn". La kialo estas, ke en Brazilo okazas la jeno rilate al la rilataj pronomoj: **en la parolata lingvo oni ĝenerale simpligas la aferon, tio estas, oni ne uzas la rilatajn pronomojn laŭ la gramatikaj reguloj.** Ekzemploj:

| Pronomoj laŭ gramatiko | Pronomoj ofte uzataj en la parolata lingvo, sed gramatike malĝustaj |
|---|---|
| A casa **na qual** (aŭ: onde) eu moro | A casa **que** eu moro |
| O professor **com quem** falei | O professor **que** falei com ele |
| A casa **da qual** gostei | A casa **que** gostei |
| O dinheiro **de que** preciso | O dinheiro **que** preciso |
| O restaurante **ao qual** fiu ontem | O restaurante **que** fui ontem |
| O dinheiro **de que** disponho | O dinheiro **que** disponho |
| Um assunto **em que** a gente não deve se meter | Um assunto **que** a gente não deve se meter |

En Esperanto tiuj simpligoj kaj simpligaĵoj ne ekzistas; t.e. oni devas uzi la rilatajn pronomojn kaj adverbojn gramatike ĝuste. Do necesas ĉiam analizi la rilatan subfrazon por ekscii, kiun funkcion havas la pronomo aŭ adverbo en la frazo.

Nun ni vidos, kiumaniere oni devas traduki la rilatajn pronomojn ofte uzatajn en la brazila parolata lingvo.

| | |
|---|---|
| A casa **que** eu moro | La domo **en kiu** (aŭ: **kie**) mi loĝas |
| O professor **que** falei com ele | La instruisto **kun kiu** mi parolis |
| A casa **que** gostei | La domo **kiun** mi ŝatis |
| O dinheiro **que** disponho | La mono **kiun** mi disponas |
| O restaurante **que** fui ontem | La restoracio **al kiu** mi iris hieraŭ |
| Um assunto **que** a gente não deve se meter | La afero **en kiun** oni ne devas enmiksiĝi |

5) Kiel montras la ekzemploj kun "gostei" kaj "disponho", estas alia (ne tro granda kaj ne tro ofta) problemo: la ebla malsameco inter la brazila kaj la esperanta frazroloj ("verba regado" laŭ PIV, "verba reĝimo" laŭ Túlio Flores). Ekzemple:

Gostar de algo — ŝati ion
Dispor de algo — disponi ion
Precisar de algo — bezoni ion
Tratar de algo — pritrakti ion
Agradecer algo — danki pro io

Tiu problemo koncernas la tradukadon de frazoj ĝenerale, do ankaŭ de la rilataj pronomoj.

Percepteblas ke, samkiel en aliaj lingvoj, en Esperanto necesas parkeri la verban regadon/reĝimon.



**"Matematiko estas la reĝino kaj servisto de sciencoj"** *(Daŭrigo de la paĝo 7)*

En alia parto de la testo, oni demandis "Se ni interŝanĝus la poziciojn de la du montriloj (hore kaj minute), unu la alian, de iu horloĝo kiam unue ĝi montris 1h 15min, kiu estus la nova montrata horo?". La respondo de Poincaré: nenia horo, ĉar ĉi tiu horloĝo estas difektita!

Ordinare, la personoj forgesas ke ambaŭ montriloj estas ligitaj por obei ian proporcian regulon, ekzemple, kiam la minuta montrilo atingas la duonon de sia vojo, la hora montrilo, samtempe, estas en la mezo inter du sinsekvaj horoj. En la menciita demando de la testo, se oni metas la hormontrilon en la pozicion de la alia montrilo, ĝi estus sur la direkto de la numero 3, kiu reprezentas la kvaronon de la minuta cirklo. La problemo estas ke, la sola momento kiam hormontrilo direktiĝas tiel estas, ekzakte, la tria horo. Do, tiukaze, la minuto-montrilo neniam devus estis post la numero 1. Pro tio, vere, tiu horloĝo estus "difektita' laŭ la prava aserto de la franca geniulo! Se la menskapabla rezulto de la "Intelekta Kvociento" de Poincaré estus fidinda, kiu estus la mezuro de la "kvociento" de nia stulteco? La mezurado de la genieco, se iam eblos, estos tasko nur por "Princoj" kaj aliaj rangoj de la "saĝa monarkio".

# Iom pli pri Villa-lobos

Alfredo Aragón (Rio de Janeiro - RJ)

Permesu al mi, ke mi nomu tiun admirindan komponiston (laŭ pli internacia nomo) “Don Hektor”: tiamaniere mi sentas lin pli intime, ĉar mi deziras, ke ĉiuj vi konatiĝu kun li pli intime kaj lernu ĝui liajn verkojn per aŭskultado tre paca, precipe la enkondukan parton de la Bakiana numero 4, kiu egalas en beleco al la preĝo de la Suito numero 3, parto nomita “Air” de J. S. Bach (mia muzika Dio kaj Don Hektor mia Patro). Sed antaŭ ol mi forgesos, mi devas diri, ke Don Hektor estis ankaŭ kreinto de Formo en muziko. Estis li, kiu kreis tiujn “Bakianojn“, kaj ili fariĝis internacia formo, eĉ Kolombiano en 1940, post fulma fuĝo de Eŭropo pro la eksplodo de la dua mondmilito, trapasis Rio-de-Ĵanejron, komponis “Bakianon”, omaĝe al Villa-Lobos. Mi ne scias, ĉu ili konis unu la alian.

Don Hektor, ankaŭ vestis lukse, por simfoniorkestro, tiun popularan formon “Choro” kaj enirigis ĝin en la muzikon plur-alnomatan “klasika, serioza, klera, akademia kaj en Brazilo erudicia”; en tiu formo, same kiel en liaj kreitaj Bakianaj, Don Hektor komponis mirindaĵojn. Nur pro tio li meritas la titolon de la plej kreiva kaj talenta komponisto de Ameriko, krome li komponis dekojn da Simfonioj, Konĉertoj por pluraj muzikinstrumentoj, Baletoj, Suitoj kaj eĉ Operoj. Li komponis ankaŭ verkojn por gitaro, muzikilo kiun li virtuoze ludis kaj mirigis la tiutempe plej faman gitariston, Andrés Segovia, kiu fiere iom poste ludis liajn verkojn. Tiuj verkoj estis tiel gravaj, ke studentoj pri tiu muzikilo, sin prezentas ludante per ili por siaj doktoriĝoj.

Ne miru se ankoraŭ estos iom da inko por skribi pri Don Hektor.



## Morfologio de la lingvo Gavião-Pykobjê *(Daŭrigo de la paĝo 21)*

devas havi du partikulojn (kaj tio ne okazas en la aliaj indiĝenaj lingvoj de la sama lingva familio):

Amado testadis la aferon kun la parolantoj, kaj ĉiuj el ili diris ke sen unu aŭ sen alia partikulo la frazoj iĝas gramatike ne eblaj (Amado, p. 123).

Pykobjê estas parolata de tre malmultaj personoj, sed tio kompreneble ne faras ĝin malpli grava aŭ malpli interesa. Mi montris kelkajn ekzemplojn cele al tio, ke la leganto bildigu al si iom de ĝia funkciado.

***Bibliografio***

*Amado, Rosane de Sá 2004. Aspectos Morfonológicos do Gavião-Pykobjê 'Aspektoj mofologiaj-fonologiaj de la lingvo Gavião-Pykobjê'. São Paulo: Universidade de São Paulo. Disponebla ĉe: http://fflch.usp.br/dlcv/lport/pdf/rosane5.pdf*

 *(Daŭrigo de la paĝo 19)*

malgranda kvanto da litio. Ĉiuj ceteraj elementoj estas formitaj en la interno de la ruĝaj gigantoj kaj supernovaoj, ekzakte kiel Fowler kaj Hoyle prediktis.

Fowler estis premiita per la nobelpremio pro sia malkovro, sed strange Hoyle ne estis. Sir Fred Hoyle, kiu forpasis dum la verkado de ĉi tiu libro, estis obstinema geniulo, pri kiu la aliaj sciencistoj havis diversajn opiniojn. Li neniam rezignis sian

kredon pri la Stato Nemoviĝanta, eĉ antaŭ pluregaj evidentaĵoj kontraŭaj al la ideo. Ankaŭ li insistis ke la spaco ekstera estas plena je bakterioj kaj virusoj, kiuj konstante falas sur la teron.

*E.M. Burdidge et al, Reviews of Modern Physics, 29, 547-650 (1957).*



**Eduki por la vivo:** Aventurema balailoj *(Daŭrigo de la paĝo 18)*

kaj dum la posttagmanĝa sorĉistina dormeto,
ĝi transsaltis la fenestron, rapide trairis la korton
kaj decidis fariĝi lerta remilo por movi la barketon,
kiu malĝoje suspiris apud la borda rivero.
Kaj ili multe navigis, navigadis, kaj multajn aĵojn
vidis ĝi: vidis kampojn kaj arbarojn; vidis montojn
kaj montaron; vidis bestojn kaj personojn;
vidis urbojn kaj vilaĝojn, kiom da novaĵoj en tiu ĉi mondo!
Sed neatendite, ĝi aŭdis la teruran kriegon de la akvofalo
kaj tiun danĝeran defion, certe, neniel, neniam alfrontos ĝi!
Tiel, lerte, ĝi kondukis la barketon al la rivera bordo, adiaŭis
sed ligis ĝin sekure. Do alveninte sur firma tero ĝi piediris...
Neatendite, kion ĝi vidis?! Grupon da studentoj en belaj uniformoj,
kiuj sekvis por paradi en la najbara urbo. Kaj nia balailo,
fiere kaj respektoplene, fariĝis solena stango,
tiel montrante sian nacian amon kaj respekton
al ĉiuj, kiuj vidis kaj aplaŭdis la civitanan eventon.
Sed ankaŭ la aventuroj prezentas lacigajn punktojn,
kaj nia aventurema balaileto decidis simple
fariĝi balailo denove por la lernejoj, hospitaloj, bazaroj,
domoj, stratoj kaj preĝejoj, ĉion pura, denove konservi.

# Miaj vojaĝoj tra la mondo per Esperanto




Dulingva kaj kolora broŝuro enhavanta fotojn kaj kuriozaĵojn spertitajn okaze de partopreno de la aŭtorino en kvar Universalaj Kongresoj inter la jaroj 2012 kaj 2016.

Aŭtorino: Shigueco Takahasi

Sendependa eldono

Eldonjaro: 2016

Formato: 21 x 30 cm

Prezo: 28,00